# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

decembro 2009
n-ro 105




★ **Esperanto-Strato en Osijek viziteblas!**

★ **Festo de Ivo Lapenna en Roterdamo kaj Zagrebo (1909-2009)**

★ ***Granda Vortaro Kroata-Esperanta* lanĉita**

★ **Drama Grupo de Studenta Esperanto-Klubo fariĝis 50-jara**

# Karaj legantoj!

Finiĝis la jaro 2009, kiun tra la mondo esperantistoj festis kiel **Zamenhof-jaron**, donante omaĝon al la 150-a datreveno de la naskiĝo de **Zamenhof (1859-2009)**. Multaj Esperanto-organizaĵoj kaj individuoj en diversaj flankoj de la mondo iel kontribuis al Zamenhof-jaro. Tion kion faris la urbo **Bjalistoko** por siaj gastoj-esperantistoj dum la tiea UK, estis probable la pinto de la eventoj en la Zamenhof-jaro 2009.

Sed ankaŭ ni kroatoj ne postrestas: Ni finas la jaron 2009 lanĉante la plej ampleksan kroatan Esperantan vortaron en la historio de Esperanto en Kroatio: **Lucija Borčić** post la impona **Granda Vortaro Esperanta-Kroata** eldonita en 2008 finpretigis por ni **Grandan Vortaron Kroatan-Esperanta**. Ĝia titolpaĝo ornamas la lastan paĝon de tiu ĉi numero de Tempo. La titolpaĝo portretas la kroatan Esperanto-Movadon dum la alia unika evento en 2009: **malfermo de Esperanto-Strato en Osijek, la 17an de oktobro 2009**. Sur la foto inter pli ol cent partoprenintoj en Osijek (fotis J. Pleadin) estas ankaŭ multaj el tiuj sesdek kiuj per abono kontribuis al apero de la **Grandaj Vortaroj** en 2008 kaj 2009.

Ke Osijek organizis sian omaĝfeston al la unuaj kvin parolintinoj de Esperanto tiuurbe kaj nialande, kaj trairis ĉiujn necesajn burokratajn vojojn por ke aperu tabulo kun la nomo **Esperantska ulica** estas la merito de **Davor Klobučar**, vicprezidanto de KEL kaj prezidanto de **Esperanto-Societo *Liberiga Stelo* Osijek**. Li krome per propraj rimedoj kaj post plurjara esploro donacis al ni en la 120a jaro de apliko de Esperanto en Osijek libron unikan **Pet latica iz Osijeka**. La libro fascinas pro abundo da historie dokumentitaj materialoj viglege prezentitaj. Se ĉiu lando posedus similan dokumentan libron pri Esperanto! ... Pri la Esperanto- programoj en Osijek raportas **Danira Grgec**.

Sed ankoraŭ pri unu libro ni rajtas fieri! Aperis en Zagrebo belega libro kiu kreiĝis per financaj rimedoj de **Eŭropa Unio** kaj kiu peras al Kroatio la bengalan kulturon. Temas pri **Damurov život / La vivo de Damoru**. El la bengala tradukis ĝin Esperanten **Malasree Dasgupta**, el Esperanto majstre kroatigis la verkon **Domagoj Vidović**. En 2010 Kroata Esperanto-Ligo portos la libron al la zagrebaj lernejoj. Atenton al la libro, kiel rezulto de la projekto, kiun gvidas KEL kunlabore kun **Inter-kulturo Maribor** kaj **Edistudio** en **Pizo** donis **Eŭropa Kulturo Forumo** organizita en **Bruselo** de 27-30a de septembro 2009. Tie KEL prezentiĝis. Jarfine Ministerio pri kulturo donis al la libro atenton en sia




speciala broŝuro de EU-projektoj. Ni prezentas la paĝojn de KEL en ambaŭ broŝuroj, la Eŭropa kaj la Ministeria. La aperon de la bengala traduko de romano ***Wakajtapu* S. Štimec** anoncis en Urba asembleo okaze de la festo de verkisto **Joža Horvat** la 21an de decembro 2009.

Ankoraŭ unu libro aperis en la lastaj monatoj de 2009: lernolibro pri Esperanto de **Stano Marček**, kun desegnoj de **Linda Marčeková**, kroatigita de **Marija Jerković** kaj eldonita de **Unuiĝo de Zagrebaj Esperantistoj**. La libro estis solene prezentita en oktobro en la ejoj de **Zagreba Ekonomia Ĉambro**. KEL elkore bonvenigas novajn membrojn kiujn la libro kreos.

Sed la ĉefa heroo de la jaro 2009 apud la libroj estas **Drama grupo de Studenta Esperanto-Klubo**. **La Drama fariĝis 50-jara!** Per ĝia festo ni fermas la jaron 2009! Tial la festanto okupas la ĉefan lokon ĉi-numere per artikoloj de **Zlatko Tišljar** kaj **Vanja Radovanović**. Du junaj membroj **Hrvoje Puškar** kaj **Maja Valentić** akcentas en la jaro 2009 junularan agadon, kiun ni kun intereso salutas. La feston de la Drama Grupo ni ĝuis kun la festo de la **Granda Vortaro Kroata- Esperanta** la 22an de decembro 2009 en **Centar za kulturu Trešnjevka**. **Neven Kovačić** tie atribuis **Premion Kalendulo 2009** al **S. Štimec**.

La urbo sen Esperanta-Societo **Bjelovar** omaĝis la 8an de decembro 2009 al sia centjara aktivado dank' al la laboro de **Marija Horvatić-Kapelac**. Ni gratulas! Aparte ĉi-jare Zamenhof-tago estis festita en **Zagrebo, Rijeka** kaj **Đurđevac**.

**La Zamenhof-tagon 2009** ni ne festis solaj, la ekstera mondo kunfestis kun ni. Kaj ne iu ajn el la ekstera mono, sed la firmao Google mem kiu en trideko da landoj, inkluzive Kroatio, ornamis sian ĉefpaĝon per Esperanta-flago dum la tuta 15a de decembro 2009.

Jam la unua jardeko en la tria jarmilo alvenas al sia fino!

**Feliĉan Kristanaskon! Feliĉan jaron 2010!**

***Spomenka Štimec***




## GUGLO FESTIS KUN NI!

Al **Josef Ŝemer** el Israelo venis la ideo uzi **Guglon (Google)**, la tutmonde konatan retan serĉilon, por reklami Esperanton. La firmao Google, kiu zorgas pri la serĉilo, preskaŭ ĉiun tagon sur la retan titolpaĝon metas iun malgrandan bildon aŭ desegnaĵon, por memorigi pri certa jubileo. Kial do la 15-an de decembro ne meti ion Esperantan, honore al Zamenhof, t.e. okaze de Zamenhofa tago? Ja Guglon ĉiuminute rigardas miloj, eble eĉ dekmiloj da homoj - ili vidu, ke Esperanto ekzistas! Sed Guglo en ĉiu lando funkcias sendepende de Guglo en aliaj landoj. Do, en ĉiu lando necesis trovi esperantistojn, kiuj povus persvadi Guglon, ke ilialande ĝi komplezu al Esperanto! Oni devis sendi simplan retmesaĝon, prefere anglalingvan, al iu instanco de Guglo. Jes, simple, sed esperantistoj ne kutimiĝis al tiaj rapidaj agoj pere de Inteerreto.

Venis Zamenhofa tago kaj aperis verda flago sur la loka Guglo en Francio, Italio, Germanio, Grekio, Japanio, Ĉinio, Serbio... Tiun tagon cirkulis retaj mesaĝoj inter esperantistoj, kaj el tio oni povis informiĝi, ke almenaŭ 30 landoj tion sukcesis. Sed Kroatio havis normalan ĉiutagan bildon, sen la Esperanta flago... Kaj nur tagmeze mi rimarkis, kio okazas. Tuj mi, laŭ instruoj de Ŝemer, verkis kaj sendis anglalingvan peton al Guglo. Sed dum pluraj horoj nenia rezulto videblis. Mi timis, ke estis tro malfrue. Kaj fine en vesperaj horoj iuj homoj rimarkis la sukceson! Kaj s-rino **Danira Grgec** el Zagreb eĉ fotis sian komputilan ekranon! De tie venas la foto, kiun vi vidas ĉi tie.Mi esperas, ke aliaj kroataj esperantistoj lernos ion el mia ekzemplo, kaj en alia simila okazo ili estos pli fervoraj!

***Davor Klobučar***

**Tempo**

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXVIII, numero 105 (4/2009), ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de Urba oficejo pri klerigo kaj sporto, Zagrebo.
Tempo aperas sone sur kompaktdisko ĉe Kroata Unuiĝo de nevidantaj Esperantistoj. Voĉlegas Spomenka Štimec.
**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr - Kontribuis:** Alica Bačeković-Pavelić, Višnja Branković, Sanja Damjanić, Danira Grgec, Davor Klobučar, Marija Horvatić-Kapelac, Nedeljko Korasić, Tihomir, Lovrić, Damir Malkoč, Vjekoslav Moranković, Josip Pleadin, Nada Pleadin, Krunoslav Puškar, Tea Radovanović, Vanja Radovanović, Srećko Radulović, Anita Rocek, Zlatko Tišljar, Spomenka Štimec, Maja Valentić, Keyhan Sayadpour Zanjani. **Grafike aranĝis:** Josip Pleadin. **Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo**: 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR), 1/2 paĝo 500 kn 68 EUR, lasta titolpaĝo 2500 kn (328 EUR). Abono kvar numeroj jare 60,00 kn. Por eksterlando 10,00 eŭrojn. Unuopa numero enlande 15 kn, por eksterlando 3 eŭrojn.
***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# RENKONTIĜO DE KROATAJ ESPERANTISTOJ EN OSIJEK 2009

Dimanĉon la 17-an de oktobro 2009 ni, geesperantistoj el Kroatio, vizitis urbon **Osijek**. Ni faris la viziton okaze de unika jubileo: antaŭ 120 jaroj en **Osijek** aperis la unuaj Esperanto-parolantoj. Ili estis kvin virinoj el **Osijek**. Temis pri la unuaj esperantistoj en Kroatio kaj Sud-orienta Eŭropo. Kiel ni scias ke ili ekzistis? Tiuj knabinoj kiuj lernis Esperanton per la unua lernolibro sendis siajn adresojn al Zamenhof, la fondinto de Esperanto kaj li publikigis iliajn nomojn en la unua adresaro de esperantistoj de la mondo! (En tiu tempo **Osijek** troviĝis en Aŭstro-Hungario. La plej multaj esperantistoj tiutempe vivis sur teritorio de Rusio! Eĉ Varsovio en tiu epoko estis en Rusio, ĉar Pollando ne ekzistis.)

Nun, 120 jarojn post la unuaj lecionoj pri Esperanto en la urbo **Osijek**, esperantistoj el diversaj partoj de Kroatio veturis al **Osijek** por malfermi la **Esperantan straton** en la urboparto kie la unuaj kroataj esperantistinoj loĝis. El la kvin knabinoj el **Osijek** plej multe kontribuis al Esperanto **Marija Pilepić**. **Davor Klobučar** prezidanto de **Esperanto-Societo "Liberiga Stelo" Osijek** dum jaroj esploris pri la vivo de la unuaj Esperanto-parolantoj en Kroatio kaj publikigis pri ili belegan kroatlingvan libron **"Pet latica iz Osijeka"** - **"Kvin petaloj el Osijek"**. Li trovis ankaŭ la tombon de **Marija Pilepić** en **Opatija**. Pri ŝia tombo nun zorgas Esperanto-Societo Rijeka kaj la tombo estas deklarita grava por kultura historio de **Opatija**. Sur la tombo staras tabulo kun dediĉo al la unua Esperanto-parolanto en Kroatio.

La kulturan eventon en **Osijek** ni profitis por ekskursi. Antaŭ la urbo **Osijek** nia buso haltis en urbo **Dakovo** kaj ni tie vizitis konatan katedralon.

En urbo **Osijek** anoj de societo **"Liberiga Stelo"** atendis nin per bonvenigo kaj kukoj. Prezidanto de la societo **Davor Klobučar** gvidis nin tra la urbo kaj montris al ni la plej interesajn vidindaĵojn. Ni vizitis katedralon kaj admiris la belegajn vitralojn en ĝi, ni estis sur ĉefa urba placo kiu havas triangulan formon kaj fontanon sen barilo. Ni promenis apud la rivero Drava kaj vidis skulptaĵon kiu prezentas Pablon Picasson. Ni fotiĝis kun li. Sur la piedira ponto trans la rivero ni fotis nin kaj la panoramon de la urbo. Fine ni vizitis la malnovan urbon - Tvrđa.

Antaŭ la tagmanĝo, kie ni povis gustumi la faman paprikumitan fiŝaĵon de **Osijek** ni ĉeestis en la ĉefa parto de la programo: malfermo de Esperanto-strato, Esperantska ulica. Neniu urbo en Kroatio krom **Osijek** havis tian straton.

Grupo de kvin muzikistoj muzikis kaj kantis slavoniajn kantojn kaj tri veteranaj anoj de la societo Liberiga Stelo malfermis la straton - Esperanto-strato. Poste en **infana teatro "Branko Mihaljević"** ni havis solenan programon: post salutparoloj sekvis prezentoj de novaj libroj: **Josip Pleadin** prezentis **"Antigona"** de **Jean Anouilh**. **Davor Klobučar** prezentis al ni sian libron pri historio de Esperanto en Osijek **"Pet latica iz Osijeka"**. **Radenko Milošević** kaj **Josip Pleadin** disdonis nome de **Unuiĝo de zagrebaj esperantistoj** diplomojn al veteranaj esperantistoj. **Fondaĵo Kalendulo** donis subvencojn de po 250 eŭroj al kvar membroj: **Marija Jerković, Krunoslav Puškar, Saša Kocian** kaj **Josip Pleadin** pro iliaj meritoj. Por ni kantis la koruso **Lipa** el **Osijek**. La programon beligis la bonega prezentaĵo de infana grupo el **Elementa lernejo Davorin Trstenjak Zagreb**. En la dua parto de la programo gastis **Drama grupo de SEK.**

Ni foriris el **Osijek** vespere kaj post tre plezura veturo ni venis en Zagreb je




la malfruaj noktaj horoj.

Nun estas momento ke mi danku al prezidanto kaj anoj de societo **Liberiga Stelo** por belega renkontiĝo.

***Danira Grgec***



Fotis J. Pleadin

## AMIKECO

Se via amiko eraron faris,
Vi estu nebulo, nebulo, nebulo.

Se via amiko favoris vin,
Vi estu spegulo, spegulo, spegulo.

Se via amiko miskondutis al vi,
Vi estu bonulo, bonulo, bonulo.

Se via amiko rivelis sekreton al vi,
Vi estu insulo, insulo, insulo.

Se via amiko estas trista,
Vi estu angulo, angulo, angulo.

Se via amiko estas neglektata,
Vi estu okulo, okulo, okulo.

Se via amiko lacas progresi,
Vi estu stimulo, stimulo, stimulo.

*Keyhan Sayadpour Zanjani*

La unua fonto estas
"Versoj de persoj",
Espero 2009 (Slovakio), paĝo 110
Recitita de Višnja Branković dum la
festo en Osijek

# 50 JAROJ DE DRAMA GRUPO DE STUDENTA ESPERANTO-KLUBO EN ZAGREBO (1959-2009)

Mi eniris la **Draman grupon de SEK** en 1963, kiam ĝi jam funkciis 4 jarojn kaj unue ludis en kelkaj skeĉoj dum la renkontiĝo de E-junularo en **Passau** (en Germanio) en majo samjare kaj en IJK en **Vraca** (Bulgario) julie. La unuaj teatraj amatoraj ludoj en pli aŭ mapli grandaj skeĉoj jam komenciĝis antaŭ la fondiĝo de SEK - kadre de junulara sekcio de **Esperanto-societo Bude Borjan** iam en 1955 aŭ 56 por internaj bezonoj de la societo okaze de Zamenhoftagoj. Kiam fondiĝis SEK en 1957 tiuj junuloj transiris al SEK. En 1959 okazis kultura festivalo en Opatija kaj por tie prezentiĝi, oni oficiale fondis la Draman Sekcion de Studenta E-klubo kaj preparis la spektaklon. Sekvajare iu el la membroj kontaktis profesian aktoron kaj membron de **Internacia Arta Teatro Mladen Šerment** por peti lin reĝisori prezentajon preparatan por la kultura festivalo en Palić kiu estis okazonta samjare. Li akceptis kaj ekde tiam dum 20 jaroj arte gvidis la sekcion. Kion mi skribis en enkonduko de la libreto "Internacia kiso" aperinta okaze de 25 jaroj de la Sekcio praktike validas ankoraŭ nun kaj mi citos el la menciita libro:

"La fakto mem ke iu studenta klubo senĉese aktivas preskaŭ 30 jarojn, neniam havinte iun ajn profesian aŭ duonprofesian personon kiu kunligadus tiujn multajn generaciojn, estas malgranda miraklo. Ekde 1957, kiam la Klubo estis fondita, ĝi estis ekzemplo pri aktiveco kaj kolektiva agadmaniero – neniam en ĝi iu ajn estis pli ol du jarojn prezidanto aŭ sekretario. Kaj se ni diras ke por tio kio nuntempe Esperanto signifas en Kroatio, oni devus unuavide danki al SEK, ĉar ĝi iniciatis **Pupteatran Internacian Festivalon** kaj **Internacian Kultran Servon**, ĉar pluraj el la plej aktivaj gvidantoj de la nuna E-movado en Kroatio kaj ankaŭu internacinivele unuan sian kontakton kun Esperanto havis ĝuste en la zagreba SEK, havas multe pli vastan signifon ol ŝajnas unuavide.

Kaj la nura sekcio de SEK kiu neniam ĉesigis sian aktivadon ekde sia fondiĝo en 1959 estis ĝuste la Drama Sekcio. Oni povas sen troigo aserti ke la Drama estis tiu grava gluaĵo kiu kunligadis ĉiujn generaciojn de la Klubo, ke ĝuste la Drama estis dissemanto de kvalitaj esperantistoj – tiuj kiuj vojaĝis al internaciaj aranĝoj kaj fariĝis fakuloj pri la E-movado samkiel plejaj kompetentuloj en la lingvo Esperanto mem. Tra SEK dum la lastaj 25 jaroj pasis 3-4000 gejunuloj, sed ĝuste tiu cento kiun grupigis la Drama Sekcio estas ankaŭ nun aktivaj en siaj medioj.

Ni vidu iom da statistiko (en la jaro 1984): Proksimuma nombro da aktivaj membroj en la Drama Sekcio de SEK estis inter 100 kaj 150. Principe tio ne estas iu granda nombro, sed se oni scias en kiuj cirkonstancoj la Drama Sekcio agadis (ĝi neniam havis sian scenejon nek salonon) kaj ke la ĉefa labormotivo estis preskaŭ ĉiam iu planata vojaĝo kun limigita nombro da vojaĝantoj, tion oni povas kompreni. Pro tio neniam kompleta nombro da membroj kreskis al pli ol 15 kaj plej ofte ĝi estis ĉirkaŭ 10.

Nombro da prezentoj: 126 prezentadoj en 26 urboj de 14 eŭropaj landoj kaj 28 jugoslavaj urboj. Per tiu nombro da landoj kaj urboj verŝajne ne povas fanfaroni eĉ plejmulto de profesiaj kroatiaj teatroj kaj la fakto ke tiujn prezentaĵojn vidis ĉirkaŭ 30.000 spektantoj el sepdeko da landoj povas nin surprizi. Dum ĉiuj eksterlandaj prezentadoj kaj plimulto da jugoslavaj la spektaklojn rigardis internacia publiko kaj tiujn luditajn en UK-oj kaj IJK-oj vidis homoj el kelkdeko da landoj. La Drama ludis en la programoj de 6 UKoj (**Rotterdam** 1967, **Madrid** 1968, **Helsinki** 1969, **Beograd** 1973, **Stockholm** 1980 kaj **Antwerpen** 1982), dum 8 TEJO-kongresoj (**Vraca** 63, **Pecs** 66, **Tyresö** 69, **Graz** 70, **Sarajevo** 73, **Tesaloniko** 76, **Austerlitz** 79, **Swanwick** 84), dum 3 SAT-kongresoj (**Kuopio** 72, **Bergamo** 74, **Den Haag** 75), kaj dum po unu IFEF kongreso (**Maribor** 71) kaj ILEI konferenco (**Beograd** 63) kaj en pluraj internaciaj teatraj renkontiĝoj en Italio, Pollando, Francio kaj Jugoslavio) tiam estos klare ke la Drama Sekcio de SEK senteble influis al la teatra kulturo de la E-movado.

Preskaŭ ĉiuj prezentaĵoj krom du esceptoj okazis en Esperanto kaj, ĉar la repertuaro plej ofte estis tradukita el la kroata lingvo, la bezonoj de la Drama sekcio postulis la laboron de traduka teamo kiu en tiu kvaronjarcento tradukis 1000 paĝojn da tekstoj.

La plena repertuaro enhavis 18 pli ampleksajn scenverkojn (9 jugoslavaj kaj 9 alilandaj aŭtoroj) el inter kiuj du originalaj verkoj kaj unu adapto al esperantistaj cirkonstancoj, ses monologojn, 7 poeziajn programojn, 21 malpli longajn kabaredaĵojn kaj skeĉojn (inter kiuj almenaŭ 5 originale skribitajn en Esperanto), t. e. entute 52 diversajn programunuojn. (Detale pri tio en la libro **"Internacia kiso"** de Zlatko Tišljar, eldonita de SEK en Zagrebo en 1985).

La plimulto de la repertuaro havas komediografian karakteron kaj la repertuara politiko dependis de kelkaj faktoroj:

a) por kontentigi invitantojn necesis elekti verkojn laŭeble verkitajn en originala Esperanto aŭ de aŭtoroj el landoj al kiuj oni estis invititaj

b) por kontentigi la publikon kaj multfoje - ĉefe en TEJO-kongresoj, kie iom pli signifa procento da spektantoj ne havis altan lingvoscion - necesis elekti komediojn aŭ relative simplajn tekstojn

c) plej ofte la spektakloj estis prezentitaj en malkonvenaj salonoj, kelkfoje en ĉambroj sen ia ajn scenejo kaj tial la prezentaĵoj devis esti adaptitaj al modestaj sceneblecoj.

d) por kontentigi zagrebajn kunfinacantojn necesis laŭeble ofte elekti kroatajn aŭtorojn, sed kun universala temaro,

e) pro modestaj financaj kondiĉoj kiujn ofertis la invitantoj (plej ofte ili pagis nur restadkostojn por limigita mobro da aktoroj) kaj minimumaj monhelpoj el Zagrebo mem oni devis elekti verkojn en kiuj ofte ne estas pli ol 5-6 roloj.

Ĉiuj tiuj limigoj ne ebligis ke la programoj atingu iujn altajn artajn nivelojn. Nur en la lastaj 5-6 jaroj oni vidas ankaŭ strebojn al eksperimentoj kaj pli superaj artaj atingaĵoj. Sed sur alia arta kampo la Drama Sekcio havis signifon - tio estas eduko de kvalifikitaj, talentaj personoj. En ĝi evoluis tre kvalitaj aktoroj amatoroj kiuj laŭ talento ne postrestas post amatoraj nacilingvaj teatraoj. Ĝuste tiuj ĉi talentaj aktoroj plej ofte estis ĉefgvidantoj kaj motoroj de la Sekcio sed ankaŭ de la tuta klubo. Necesas mencii sendube la plej meritajn nomojn: **Jure Lipovac, Nevenka Imbert (Brajčić), Vesna Staničić, Jurica Mautner** (tragike mortinta en 1977), **Ivica Špoljarec, Krunoslav Tišljar, Saša Sirovec** kaj **Tea Kučinac.** Mi diru ke en pluraj spektakloj al



*La unua tetaraĵo "Internacia Kiso" de Drama grupo en Opatija en 1959. Aŭtoro de la teatraĵo estis Mirko Mamužić. Sur la foto Božena Čačković Žinko kaj Vjekoslav Morankić*



la sekcio kontribuis ankaŭ profesiaj aktoroj: **Julije Perlaki, Vida Jerman** kaj **Mladen Šerment**.

Sed la nomo numero UNU de ĉiuj tiuj jaroj estis pli ol 20-jara gvidanto kaj reĝisoro, profesia aktoro en Zagreba teatro Gavella, **Mladen ŠERMENT**. Li reĝisoris ĉion kion oni faris ĝis 1976 kaj poste denove en 1980 kaj li mem aktoris en pluraj teatraĵoj. Li estis la "movspirito" de la Drama Sekcio. Lia entuziasmo kaj kapablo animi junajn amatorojn estis dum 20 jaroj la ĉefa kohezia forto de la Sekcio. Profesiulo en tiu laboro neniam ricevinte monon por tio, li estas homo kiu meritas apartan lokon en historio de enesperanta teatra kulturo.

Ni diri ankaŭ tion ke la Drama Sekcio havis de tempo al tempo ankaŭ eksterlandajn membrojn, gejunulojn kiuj certatempe vivis aŭ loĝis en Zagrebo (Antoine Ntisigana el Burundio, Roger Imbert el Francio, Peter Weide el Germanio) kiu igis la grupon ankaŭ tiusece nekutima."

Nun okaze de la 50-jariĝo mi nur povas krieti kun mirego: Miraklo: **teatra amatora grupo kiu ludas en Esperanto kaj kontinue funkcias dum 50 jaroj estas ununura en la mondo: tiu de SEK!** Kaj tio meritas apartan historian traktadon. Mi kredas ke oni devus kolekti la materialojn pri ĝi (ekzistas dise ĉe diversaj individuoj kaj ankaŭ en diversaj arkivoj tekstoj, bildoj, artikoloj, raportoj, recenzoj kaj ankaŭ sufiĉe multaj vidbendoj kun surbendigitaj pli ol 15 spektakloj) kaj bone konservi ilin por ke iam, iu verku disertacioan aŭ diplomlaboraĵon.

Kaj krome: Esperanto-kulturo sen teatro ne estus kompleta kulturo. Al tiu sfero de kulturo la Drama Sekcio de Studenta Esperanto-Klubo el Zagrebo kontribuis rilate la kvanton da prezentitaj spektakloj per proksimume 50% de ĉio ludita ĝis nun (ne konsiderante pupteatron), entute per 65 diversaj programoj en sia repertuaro kaj entute per 200 prezentadoj.

*Zlatko Tišljar*

# 50 JAROJ DE DRAMA GRUPO DE STUDENTA ESPERANTA KLUBO (1959-2009)

## (LA DUA DUONJARCENTO)



*Drama grupo de Studenta Esperanto-Klubo en la teatraĵo de Vanja Radovanović "Sur la spuro" sur la scenejo de Infanteatro Osijek la 17an de oktobro 2009: Sanja Damjanić, Dag Treer kaj Vanja Radovanović*

Fotis Damir Malkoč

Komence de la dua parto de la historio de la Drama grupo mi dezirus doni la "kadron" en kiu tiuj 25 jaroj okazis ... kaj mia partopreno en ĝi mezuras 22 jarojn, do mi persone spertis la ŝanĝojn kiujn en la vivo de la grupo ne faris nur daŭraj ŝanĝoj de ĝiaj gvidantoj kaj membroj, sed ankaŭ ŝanĝojn en la societo ĉirkaŭ la grupo kaj la movado mem.

La 80-aj jaroj estis ankoraŭ jaroj de socialismo/komunismo – kaj por la Drama Grupo kies "hejmlando" estis ne nur Esperantujo, sed ankaŭ Kroatio tio signifis ke tio estis la jaroj en kiuj estis sufiĉe facile ricevi mondonacojn de ŝtataj institucioj, en kiuj ankoraŭ estis malmultekoste vojaĝi tra orienta Eŭropo kaj en kiuj ankaŭ Esperanto estis vaste videbla kiel iuspeca "pasporto" por agrabla, ĝojplena kaj malmultekosta vojaĝado kaj amikumado ... kaj ĉiuj tiaj pensoj helpis la prosperadon de la Drama Grupo en la 80-aj jaroj. Menciante Esperanton, arton, vojaĝojn, amikecon ... multaj pordoj rapide malfermiĝis kaj bonkoraj deziroj abundis.

Poste venis la milito en Kroatio, la tempo en kiu estis multe pli grave travivi ol aktori kaj vojaĝi ... kaj sekvis postmilita tempo, en Kroatio ĉefe signita kiel tempo en kiu mono iĝis la plej grava mezuro de ĉio kaj entuziasmo, iam traktata kiel grava eco, iĝis io preskaŭ malaperanta. Kaj en tiuj cirkonstancoj la grupo suferis foje de manko da interesiĝemaj aktoroj, manko da mono kaj manko da entuziasmo ... Esperanto, arto, vojaĝoj ... iĝis en 90-aj jaroj en Kroatio, kaj ne nur tie, sinonimoj por nekomprenebla deziro fari ion pro la amo kaj emo kaj ne pro la mono.

Sed, la grupo tamen travivis ĉiujn ŝanĝojn kaj problemojn, kaj iamaniere iĝis eĉ pli memstara, kun ne plu tiel fortaj rilatoj kun la Studenta Esperanto-Klubo (sed tamen nedisigeble ligita kun ĝi, ĉiam la plej multaj "gravuloj" en la klubo estis samtempe membroj de la grupo!) aŭ nepra deziro plenumi ĉies ideojn pri "bona programo"... sed ankoraŭ vigla kaj kreema kun deziro montri siajn prezentaĵojn al ĉiuj kiuj deziras vidi ilin, kaj en la Movado kaj ekster ĝi (kaj la grupo jam iĝis iuspeca "ambasadoro" de Esperanto en kroataj alternativaj artaj rondoj).

Mi persone tre ŝatas la fakton ke en kaj per la grupo mi povas kombini mian artan esprimadon (kion mi, profesie inĝeniero de elektrotekniko, povas fari nur libertempe) kun amo por Esperanto kaj internacia kaj interkultura aktivado kaj interŝanĝo. Libereco kiun donas tiuspeca aktivado kaj ĝuo kun la fakto ke tiom multe da homoj dum 50 jaroj havis la samajn opiniojn kaj sentojn pri la sama afero kiel mi estas por mi unu el miaj ĉefaj vivgajnoj en mia ĝisnuna vivo.

Do, nun pli detale pri la agado:

Meze de 80-aj jaroj formiĝis forta kerno kiu influis agadon de la grupo ĝis la jaro 1987. Personoj kiuj plej forte influis la grupon ĝis tiu tempo, fine de la 70-aj kaj komence de 80-aj jaroj, **Zlatko Tišljar** (aktiva en la grupo ĝis 1983) kaj **Ivica Špoljarec** (ĝis 1984), forlasis ĝin kaj tiel ebligis aperon de novaj kreaj aŭtoroj. La prezentaĵoj en tiu periodo estis pli ampleksaj kaj ne ĉiam facile kompreneblaj al averaĝa spektanto, trovante sin rande de teatro de absurdo. Prezentaĵojn unue reĝisoris **Krunoslav Tišljar** kaj poste **Zorislav Šojat** (tiam studento pri reĝisorado je Akademio de Teatraj artoj en Zagrebo), kostumojn kaj scenografion prizorgis **Tea Kučinac** kaj aktoris grupo de tiamaj junaj membroj de SEK, ĉefe studentoj: plej elstaraj estis **Vanda Bralić, Vanja Esih, Ankica Jagnjić, Tea Kučinac** (kiu en tiu tempo ankaŭ aktoris kaj okupiĝis pri scenografio en aliaj amatoraj dramaj grupoj), **Krunoslav Tišljar** ... kaj poste venis ankaŭ **Sanja Lazić** (nun **Kovačević**), **Jadranka Krznarić** (nun **Kapetanović**), **Olga Štajdohar** (nun **Štajdohar Pađen**), **Mladen Broz, Saša Pilipović** (kiu nun laboras kiel profesia aktoro en teatron en Kragujevac, Serbio) kaj **Ljiljana Pranjić.** En la jaro 1987 la grupon eniris ankaŭ **Vanja Radovanović** kiu kun paŭzoj aktivis en la grupo ĝis nuntempo, do 22 jarojn.

Dum la venonta periodo (1988-1993) la grupo estis malpli aktiva kaj ĝiaj membroj ŝanĝiĝis tre ofte – la persono kiu gvidis la grupon kaj donis sian artan "stampon" estis **Tea Kučinac** kiu elektis tekstojn, reĝisoris kaj zorgis pri kostumoj kaj scenografio. La prezentaĵoj estis stile tre diversaj, inter tre ambicia "Renkontiĝo de birdoj" ĝis skeĉoj el la vivo de Zamenhof.

En la posta periodo (1994-2000) nova generacio de junuloj transprenis la taskon vigligi la grupon. La prezentaĵoj estis komence tre buntaj, humurplenaj kaj amuzigaj. De komenco videblis forta influo de absurda teatro kiu pli kaj pli miksiĝis kun novaj teatraj influoj kaj teatroteorioj. Forta tendenco al teatroteorio de pluraj grupmembroj kaŭzis ĉiam pli teoriemajn teatraĵojn kiuj iĝis pli ambiciaj, modernaj kaj eksperimentplenaj, prilaborante prezentadteorion kaj memanalizon kaj uzante elementojn de moviĝteatro. Pluraj membroj de la grupo inter si dividis kreajn laborojn: la plej elstaraj estis **Ana Berc, Maja Tišljar, Danka Tišljar, Miroslav Jerković, Tomi Haramina, Ivica Ivaci**, poste ankaŭ **Tea Janković, Ivan Munić,**

**Emina Višnić** (kiu dum iom da jaroj poste gvidis draman grupon "Prosveta" de serba minoritato en Zagrebo kaj nun estras Oficejon por gejunuloj kaj sendependa kulturo de Urbo Zagrebo) kaj aliaj.

En la jaro 2000 disiĝis la teamo kiu gvidis la grupon kaj en la jaro 2001 **Vanja Radovanović** transprenas la gvidadon kaj tiel, kun tute nova aktora grupo, komenciĝis la periodo kiu daŭras ĝis nun. En tiu periodo Vanja skribis ĉiujn tekstojn kaj reĝisoris ĉiujn prezentaĵojn, la temoj estis komence amuzaj, sed poste la tekstoj iĝis pli ampleksaj kaj seriozaj. Kun Vanja en ĉiuj prezentaĵoj aktoris ankaŭ **Dag Treer** kiu ludis gravan rolon en la vivo de la grupo, kaj dum pluraj jaroj kunludis ankaŭ **Vladimir Dujnić, Marta Kovač, Tina Tišljar, Tomislav Divjak** kaj **Vladimir Kamenski** ...

Fine, kiel konkludo, en tiuj 50 jaroj (1959-2009) la grupo preparis 35 teatraĵojn, 24 skeĉojn, 6 poeziajn programojn, surbendigis 2 gramofondiskojn kaj filmis la unuan videodramon en Esperanto. Tiuj programoj estis prezentitaj 200-foje en 19 landoj, en ili partoprenis pli ol 200 personoj (kaj inter ili pluraj eksterlandanoj).

El tiuj 65 prezentaĵoj multaj estis prezentitaj kadre de pluraj E-aranĝoj (UK 7, IJK 21, IJF 5, IS 4, SAT 4, IJS 3, MIRO 3, JER 2, MEJS 1, ILEI 1, IFEF 1, JAFE 1) kaj la grupo eĉ 20 foje partoprenis regulan ĉiujaran festivalon de Zagrebaj scenejamatoroj kaj per tio ĝi iĝis plej longdaŭra amatora drama grupo en Zagrebo (ĉiujare la festivalon partoprenas kelkaj dekoj de diversaj dramaj grupoj). Dufoje la grupo, pro bonkvalitaj prezentaĵoj, estis invitita ĉeesti en la fina programo de la festivalo.

*Vanja Radovanović*

# OMAĜO AL IVO LAPENNA EN ROTERDAMO, ZAGREBO KAJ SPLIT (1909-1987)

La vivo kaj verko de **Ivo Lapenna** estis temo de la 31-a Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA la 28-an de novembro. Tiu omaĝo okazis tri semajnojn post la 100-a naskiĝdatreveno de **Lapenna** (1909-1987) kaj allogis 120 vizitantojn el 16 landoj. (**Lapenna** naskiĝis en **Split** la 5an de novembro 1909).

El Kroatio venis al la aranĝo **Neven Kovačić, Anto Mlinar** kaj **Siniša Dvornik**. Centra Oficejo mendis okaze de la **Lapenna**-jubileo specialan poŝtmarkon kun la portreto de **Ivo Lapenna**, kun la tekstoj: **Ivo Lapenna** (1909-1987) kaj **NEDERLAND** 44 **EUROCENT**. (Jen sur la foto la poŝtmarka folio el la arkivo de KEL! Paralelan portretan poŝtmarkan folion ricevis de la Nederlanda Poŝto **Lazaro Ludoviko Zamenhof** okaze de sia 150-jara naskiĝjubileo.)

La ĉefpreleganto de la roterdama aranĝo estis prof. **Carlo Minnaja**, prezidanto de **Internacia Scienca Instituto Ivo Lapenna**. Li parolis en du partoj pri siaj renkontiĝoj kun **Lapenna**, kiun li, denaska esperantisto, ekkonis kiel juna knabeto, ĉar **Lapenna** ofte gastis en la familio de la famaj italaj esperantistoj **Luigi** kaj **Carolina Minnaja**. Sian prelegon **Minnaja** ilustris per fotoj kaj filmfragmentoj. Li montris ankaŭ la **Pokalon Ivo Lapenna**, konservatan en la CO, sur kiu lia nomo estas gravurita kiel la unua post lia venko en la **Oratora Konkurso** en 1960. Pri siaj kontaktoj kun **Lapenna** parolis ankaŭ prof. **Duncan Charters**, vicprezidanto de ILEI, kiu aparte elstarigis lian atenton al la lerneja agado, i.a. kiel iniciatinto de serio de Internaciaj Lernejaj Konferencoj.

**Biblioteko Hodler** funkciis kiel kinejo de dokumentaj filmoj. En la filmoj pri la UK-oj en Budapeŝto en 1966 kaj Vieno en 1970 eblis vidi i.a. scenojn pri la oratoranta **Ivo Lapenna**.




**Esperanto-Societo Bude Borjan** en **Zagrebo** kaj **Kroata Esperanto-Ligo** (kiujn kunfondis **Lapenna** en aŭtuno 1945) omaĝis al **Lapenna** per speciala programo la 4an de decembro 2009. Pri **Lapenna** prelegis **Josip Pleadin** kaj **Neven Kovačić**. **Josip Pleadin** montris al la ĉeestintoj belan kolekton da **Lapenna**-fotoj el sia arkivo. **Spomenka Štimec** rakontis pri la ligoj inter la skulptaĵoj de **Jesper Nergaard** starigitaj en Graz kaj Zagreb, la **Espero** kaj la **Futuro** kaj engaĝo de **Lapenna** pri la verko de **Nergaard**.

**Split**, la naskiĝurbo de **Lapenna**, publikigis sur la modesta bulteno de sia Esperanto- Societo esperantlingvan biografion de **Ivo Lapenna**. Havi straton de Ivo Lapenna en Split estus inde. Ĝin povus eventuale aranĝi esperantistoj el Split. Por tion efektivigi necesas granda klopodo.

***S. Štimec***



***Nekonata foto el la arkivo de KEL pri la ekskursana junulo Ivo Lapenna. (Ivo Lapenna staras la tria de maldekstre, Emilija sidas la tria de maldekstre, Zlata Flego sidas la tria de dekstre).***




***Nova eldonaĵo de I. Lapenna, UEA, Rotterdam, 2009.***

## Studenta printempa striko en Kroatio - Esperanta kurso por strikantaj studentoj

# UNU MONDO – UNU BATALO: EDUKADO NE ESTAS VENDEBLA

Samtempe kiam okazis la **Tutmonda Ago-semajno 2009** - la 20an de aprilo 2009 - komenciĝis striko de la zagreba Filozofia fakultato. Kiel studentoj el 20 landoj sur la 5 kontinentoj tuje kaj klare emfazis, la ĉefa kaŭzo por tiu protesto estas la malrespekto de la plej fundamenta rajto de ĉiuj ŝtatanoj - de la rajto al edukiĝo, kiu, pro pli grandaj studkotizoj ĉiujare, iĝas privilegio atingebla nur por riĉuloj, dum la infanoj de familioj kun malalta budĝeto povas forgesi pri la daŭrigo de edukado. Se oni pli proksime rigardas datumojn, oni vidas ke, ekzemple, en Kroatio, nur 2% da totala nacia budĝeto rilatas al edukado. Eŭropa minimumo mem, sumiĝas 3%. Plue, de 1991 ĝis 2005 la nombro de studentoj en Kroatio pligrandiĝis je 82%, kaj la nombro de studentoj kiuj devas pagi studkotizojn grandiĝis je 814%, dum nacia budĝeto intertempe plurfoje grandiĝis. Kvankam ili ne estas facile kompareblaj kun la eŭropa meznombro, la kroataj studkotizoj, laŭ multaj statistikoj, estas sendube pli grandaj ol tiuj en Eŭropo. Aldone, koncerne la procenton de altedukitaj homoj, Kroatio havas 7,81% da altedukita loĝantaro, Nederlando eĉ 40%, dum la eŭropa meznombro estas pli granda ol 20%. Studentoj en Kroatio ankaŭ okupiĝis pri la afero de studaj stipendioj. El 170.000 studentoj ĉe kroataj universitatoj kaj altlernejoj nur 2000 ricevas ŝtatan stipendion kiu sumiĝas al nur 500 - 800 kunaojn monate.

Kiel argumentoj de freneze elspezita ŝtata mono studentoj menciis 15 miliardojn da kunaoj investitajn en modernigo de armeo, pardonitan ŝuldon de piedpilkaj kluboj sumiĝinta je almenaŭ 700 milionoj da kunaoj, 270 milionojn da eŭroj elspezitaj por la konstruado de nenecesa ponto Pelješki most, 1,5 miliardojn da kunaoj investitajn en ses sportejojn por la konkurso pri manpilko, okazigita dum januaro 2009, ktp. Estas vere interese scii ke ĉio tio okazis dum eĉ 900 milionoj kunaoj estis deprenitaj de Ministerio pri Klerigo ĉi-jare. Kiel ili emfazis en sia gazeto kun simbolema nomo "5 do 12" (5 ĝis 12, t.e. 5 minutoj antaŭ tagmezo): "De vi ni ne serĉas monon, ni nur postulas justan distribuon de nacia budĝeto, kiu jam pleniĝas el poŝoj de impostpagantoj". Netravidebla financado de edukado montriĝis kiel unu el la plej gravaj aferoj dum la blokado de fakultato.

La strikon kiu efektiviĝis per blokado de normalaj aktivecoj de fakultatoj kaj kiu daŭris de la 30a de aprilo ĝis la 23a de majo, partoprenis proksimume 20 fakultatoj en Kroatio. Studentoj decidis efektive konduki tiun protesto-formon, ĉar, ili pensis, ke publiko estas saturita de kutimaj demonstracioj, kiujn oni plejparte komprenis kiel sensukcesaj kaj neseriozaj. Sed sian persistecon studentoj demonstris dum ĉiu-vesperaj plenkunsidoj, kiujn ofte partoprenis pli ol 800 interesiĝemaj studentoj, profesoroj kaj civitanoj, kiam oni, ofte po tri aŭ pli horojn, en deviga kondutmaniero produktive debatis kaj findecidis pri gravaj aferoj koncerne la blokadon kiel ekz. pri studkotizoj, pri la mona puno en




*"Ni postulas senpagan edukadon!" - foto de la 16a majo kiam okazis granda marŝo de strikantaj studentoj al Jelačić-placo*

kazo de nesukcesaj jaraj ekzamenoj, pri la enkonduko de la Bolonja procezo en Kroatio, ktp. Sian bonegan organizon ili interalie ankaŭ pruvis per "disciplinpolicistoj", kiuj gardis la fakultaton tage kaj nokte. Ili eldonis ĉiutagan priedukadan gazetno nomita "**Skripta**", kaj okazigis prelegojn pri novliberalismo, studkotizoj kaj edukado hodiaŭ. Ili ankaŭ gastigis multajn konatajn prelegantojn kaj, finfine, kun la iniciatigo de peticio por senpaga edukado, libera de korporaciaj, ŝtataj aŭ opaj interesoj. La 16an de majo okazis granda marŝo de strikantaj studentoj al Jelačić-placo kie ni klare ripetis ĉiujn niajn postulojn.

Krome, pri sia agado rilate la kroatan altedukadan sistemon ili sukcesplene informis ne nur la kroatan publikon. Konscia pri la hodiaŭa edukado-problemo, sian subtenon per sia alveno esprimis interalie studentoj de Usono, Svedio, Pollando, kaj ankaŭ el regionaj landoj kiel Slovenio kaj Serbio. Leterforme nian celon subtenis **Noam Chomsky**, famkonata usona lingvisto, filozofo kaj politika aktivulo, **Judith Butler**, usona filozofino, kaj **Slavoj Žižek**, slovena sociologo, filozofo, marksisto, psikoanalizisto kaj kultur-kritikisto. Instigita de la internacia etoso ĉe mia fakultato kaj ĉe sennombraj fakultatoj kaj universitatoj en Kroatio kaj en la mondo, mi volis kompreneble iel kontribui al la agado. Kadre de alternativaj prelegoj kiuj okazis ĉe la Filozofia fakultato, mi tial proponis prelegtemon al la fakultata programo-sekcio - mi sugestis ke mi prelegu pri Esperanto kaj aliaj artefaritaj lingvoj. Malgraŭ mia dubo, mi ne bezonis atendi longe, ĉar la programo-sekcio akceptis mian proponon senprokraste kaj pri granda entuziasmo.

Sub la titolo "Rapidega Esperanto-kurso" la prelego okazis en ĉambro 1 de Filozofia fakultato la 18an de majo 2009 kaj montriĝis unu el miaj plej interesaj spertoj, ĉar dum la "Rapidega Esperanto-kurso" mi, nome, unufoje trovis min en la preleganto-rolo, kiel aŭtoritato kiu devas scii ĉion pri la temo pri kiu li prelegas. La prelego mem konsistis plejparte el mia scio de Esperanto kaj interlingvistiko kiun mi kolektis ĉe la prelegoj de profesoro Velimir Piškorec kaj el miaj propraj esploradoj de diversaj planlingvoj. Entute, la prelego por interesiĝemaj studentoj daŭris du horojn, sed al mi ŝajnis ke tempo pasis pli rapide. Mi komencis mian prelegon, kun detala prezentado de historiaj provoj de planlingvo-kreado kaj mi kontinuis klarigi mankojn de tiuj komplikaj lingvoj kiuj poste kontribuis al populareco de pli facila kaj simpla lingvo - Esperanto. Sammaniere mi emfazis riĉan kulturon, literaturon, muzikon kaj, finfine, interesan historion de tiu lingvo. Ĉe la fino de la prezentado mi prezentis 16 regulojn de Esperanta gramatiko.

Konvikita ke la studentoj komprenis la regulojn, mi post tio komencis la kurseton de la lingvo mem. La kurseto efektive konsistis el la unuaj tri lecionoj de konata lernolibro farita laŭ la zagreba metodo. Nun en mia instruisto-rolo mi fiere kaj ĝoje rigardis ke "miaj studentoj" kun facileco trastudis ĉiujn tekstojn kaj ekzercojn kiujn mi donis al ili. Ili, finfine, estis pli ol kontentaj kun tio kion ili ĵus eklernis. Krome, ili ankaŭ estis kontentegaj pri la facila strukturo de la lingvo mem kaj post la kurseto sekvis multaj demandoj de la studentoj pri, ekzemple, la procento de kroataj vortoj en la Esperanto-leksiko, pri la originala kroata esperantlingva literaturo, kaj pri la futuro de tiu famkonata lingvo. Kun granda plezuro kaj optimismo mi respondis pri tio.

Kvankam la 23an de majo, post pli ol kvin semajnoj, okazis "deblokado" de la zagreba Filozofia fakultato, la lasta strikanta fakultato, kaj kvankam niaj postuloj ne estis konsiderita de la kroata registaro, ni kontinuis nian publiko-sciigon pri la studkotizoj. Ekzemple, la 6an de junio sur Jelačić-placo mi partoprenis ordinaran agadon nomigita "5 ĝis 12". Proksimume kvindeko da studentoj kaj civitanoj enviciĝis sur la Placo kutime kvin minutojn en silento leginte enhavon laŭ propra elekto ĝis tagmezo sonis. Tiel simbolmaniere ni volis konsciigi ke ni ne rezignos pri niaj postuloj. Ni ankaŭ anoncis daŭrigon de blokado aŭtune (kiu efektive komenciĝis la 23an de novembro kaj finiĝis la 4an de decembro 2009), se niaj postuloj ne estos konsideritaj. Enviciĝite alpaŭadis nin ĵurnalistoj kaj demandis nin jam ordinarajn demandojn. "Kion vi legas?" - demandis min ĵurnalisto. "Mi legas ekzameno-demandojn." - mi rapide respondis al li. "Kaj kion vi faras ĉi tie?" - li denove demandis min. "Ho, mi atendas senpagan edukadon!" - mi aŭtomate diris kvazaŭ tio devus esti klara ĝis nun.

***Krunoslav Puškar***







# KROATA ESPERANTO-LIGO PREZENTITA EN BRUSELO

**Kulturo moviĝanta** estis la titolo de granda 3-taga brusela programo organizita de **Eŭropa komisiono** kaj ties agentejo **EACEA**. Pli ol 700 kulturaj atkivuloj venis al Bruselo de la **EU-ŝtatoj** kaj **ŝtatoj - kandidatoj por EU** kun la celo interŝanĝi ideojn kaj prezenti 28 el multaj projektoj financataj de **Eŭropa Komisiono** kadre de la Kultura Programo 2007-2013. La prezentado de la kultura programo etendiĝis dum la 3-taga konferenco de la 27a ĝis la 30a de oktobro 2010. En la kategorio **Literaturo, Kroata Esperanto-Ligo** havis la okazon prezenti sian projekton titolita **Hindunia infanlibro en Eŭropo – Tri eŭropaj infanlibroj en Hinda Unio**. Al la projekto de KEL estis dediĉita unu paĝo en la grandformata 50-paĝa anglalingva broŝuro. **Spomenka Štimec** prezentis la projekton dum la konferenco per prelego (en la modesta angla) kaj per multaj kontaktoj kun la ĉeestintoj. Dum la Kultura Forumo estis ankaŭ atribuita **Eŭropa literatura premio**, kiun ĉeestis la prezidanto de Eŭropa Komisiono **Jose Manuel Barroso** mem. Juna kroata verkistino el **Dubrovnik Mila Pavičević** gajnis la premion por literaturo - belan skulptaĵon.

Sur la fotoj: titolpaĝo de la EU-broŝuro kaj la paĝo de la kroata projekto en ĝi (supre) kaj la libro de Ministerio pri kulturo kaj la KEL-paĝo en ĝi (malsupre)








# ESPERANTO-SOCIETO SISAK HAVIS GAZETARAN KONFERENCON

**Esperanto-societo Sisak** okazigis gazetaran konferencon la 10an de novembro 2009 por atentigi jurnalistojn ke pupoj vestitaj per tradiciaj kostumoj de Kroatio kaj produktitaj en Sisak, veturas al Japanio por pupekspozicio. La pupojn mendis konata japana esperantisto **Etsuo Miyoshi** por ekspozicioj de pupoj en lia japana urbo nomata pupurbo **Higasi-kagawa.** La konferenco okazis en la loka hotelo kaj alvokis atenton de pluraj jurnalistoj interalie de radio kaj de **Večernji list**, kiu pri tio raportis la 11an de novembro. Sur la foto de dekstre esperantistoj **Sanja Damjanić, Ivica Butorac** kaj pupkreantino **Vera Vuksanović**.



# EKSPOZICIO *SPERTU ESPERANTON!*

La 9-an de decembro 2009 estis malfermita ekspozicio **Spertu Esperanton!** en ejoj de la organizo de civitanoj **Spirit** en Rijeka. La celo de la ekspozicio estis proksimigi la lingvon al la homoj kiuj ĝin ne konas, kaj, al tiuj kiuj ĝin konas, plivastigi tiun konadon. Estis prezentita la lingvo Esperanto, Esperanta literaturo, muziko, kulturo, projektoj, kongresoj, kunvenoj kaj aliaj internaciaj aktivecoj. Ankaŭ estis prezentitaj aktivecoj de **Esperanto-Societo Rijeka** kaj de aliaj Esperanto-societoj en Kroatio. Vizitantoj de la ekspozicio eksciis iom pli pri la lingvo, kulturo rilatata al ĝi kaj historio de Esperanto-movado dum la prelego de **Boris Di Costanzo**.

La 15-an de decembro okazis la fina vespero de la ekspozicio, la vespero estis dediĉita al la fondinto de la lingvo Esperanto, Ludoviko Lazaro Zamenhof. Okaze de la 150a datreveno de lia naskiĝo, pri la vivo kaj verko de **Zamenhof** oni povis ekscii pli dum la prelego de **Vjekoslav Morankić**.

La ekspozicion kunlaborante realigis asocioj **Spirit** kaj **Esperanto - Societo Rijeka**.

*Tea Radovanović*

# EKSPOZICIO PRI ESPERANTAJ LIBROJ EN BJELOVAR

Per **ekspozicio de Esperantaj libroj** en biblioteko uzata de kvar mezlernejoj la urbo **Bjelovar** festis la Zamenhof-jaron 2009. Dum la monda Esperantujo omaĝis en 1909 al 150a naskiĝdatreveno de **Lazaro Ludoviko Zamenhof**, Bjelovar honoris la jaron 1909 kiel la jaron kiam estis fondita la unua **Esperanto-Societo** en **Bjelovar**. La centjariĝan feston iniciatis Marija Horvatić-Kapelac. Per la biblioteka festo la 8an de decembro 2009 esperantistoj el Bjelovar omaĝis unavide la agadon de esperantisto **Fran Kolar Krom** (Đurđevac 1877- Zemun 1927) al kiu kroata esperantistaro dankas esperantigon de fama kroata romano ***La trezoro de orafisto*** de August Šenoa. La verko de Fran Kolar Krom publikigita en 1911 en Zagrebo, rezultis el lia Esperanta agado en Bjelovar kaj estas konsiderata la unua traduko de kroata romano Esperanten. Tiu traduka laboro inspiris pri tradukado interalie instruistinon **Antonija Jozičić** en **Hrvatska Kostajnica**. Ŝi esperantigis romanon de **Milka Pogačić** ***Konfeso***. Per ties ĉinigo en Ŝanhajo en 1931 la kroata literaturo ekhavis la unuan kontakton kun Ĉinio ...

Direktoro de Ekonomia lernejo prof. **Vojislav Kranželić**, kiu iam mem lernis Esperanton, adresis salutojn al la ĉeestintoj, samkiel bibliotekstino **Alica Bačeković-Pavelić**. Lernantoj dum la kultura programo recitis dulingve versojn el la kroata literaturo. Kroatlingva flugfolio kaj Esperantlingva kukrecepto eldonitaj okaze de la festo. Pri la kultura evento en la biblioteko raportis jurnalo ***Bjelovarac*** la 10an de decembro 2009.

***Marija Horvatić-Kapelac***



***Sur la foto: Lernantinoj recitas dum la programo en la biblioteko.***

Fotis Alica Bačeković



***Sur la foto: Linda Marčeková, Stano Marček kaj Josip Pleadin dum la prezento de la nova lernolibro***

Fotis Nada Pleadin

# LA LERNOLIBRO DE STANO MARČEK EN LA KROATA

La lernolibro de t.n. "Rekta metodo" de **Stano Marček**, jarfine ricevis ankaŭ sian 23-an eldonon - la kroatan. Ĝi estis escepte solene prezentita la 23-an de oktobro en **Kroatia Ekonomia Ĉambro - Zagreba Ĉambro** al sepdeko da kroatiaj esperantistoj kaj gastoj. La solenaĵon ĉeestis kaj detale prezentis la metodon la aŭtoro mem kaj la ilustristino **Linda Marčeková**. Parolis ankaŭ **Marija Jerković** kiu tradukis la lernolibron kaj **Radenko Milošević** kaj **Josip Pleadin**, la estraranoj de **Unuiĝo de Zagrebaj Esperantistoj**, kiu realigis la eldonon. **La lernolibro estas mendebla ĉe: *zagreba.esperantisto@gmail.com* aŭ pagante la sumon de 75,00 kunaoj po ekzemplero al bankkonto de UZE: 2340009-1110321529. Por minimume tri ekzempleroj, UZE donas trionan rabaton!**

***J. Pleadin***

LUCIJA BORČIĆ

# VELIKI RJEČNIK HRVATSKO-ESPERANTSKI



# GRANDA VORTARO KROATA-ESPERANTA



Hrvatski savez za esperanto (Kroata Esperanto-Ligo)

sveučilišna knjižara



## FELIĈAN KRISTNASKON!

## FELIĈAN NOVAN JARON 2010!